# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto: H. Hodler.†**
**Redaktoro: Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio: I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


## S. MARINO

Panorama bildo

*Tra la movoplena historio de nia kontinento, ĉirkaŭite de potenca regno, konservadas sian memstarecon la plej malgranda respubliko de l'mondo, S. Marino. Sur tero fruktodona, tre malgranda, sed agema popolo fiere daŭrigas tradiciojn de 16 jarcentoj.*



**ENHAVO:**


Oficiala informilo:

- Al ĉiuj korespondantoj de la Centra Oficejo ........... 2
- Al la ĉefdelegitoj kaj Perantoj 2
- Rabato de la Magazenoj « Bon Marché », Parizo ........ 2

Adresaro:

- Novaj lokoj kun delegitoj... 2
- Eksiĝoj kaj forstrekoj........ 2

Oni dankas .................. 2
Perada Servo de UEA......... 2
Malgrandaj nacioj al la fronto! 3
La Problemo de Tutmonda Malarmado .................. 3
Malto, insulo de sunbrilo kaj historio .................. 4
Faktoj por la Propagando.... 5
UEA. — La Centra Oficejo.... 6
Oficiala Honorigo ........... 7
La Magazenoj « Bon Marché » en Parizo donas rabaton al UEA-membroj .................. 7
27a Universala Kongreso, Romo 7
La Krozado de la 27a.......... 9
La estontaj Milionuloj de la 27a! (Fino) .................. 10
Internacia Kongreso de Katolikaj Esperantistoj .............. 10
Sensacia Eldono ............ 11
Lingva Praktiko ............ 11
Oficialaj sciigoj de la Akademio 12
Terminaro kaj Nomaro de Botaniko .................. 12
Bibliografia Servo de UEA.... 13
Surmara Propagando ......... 13
11a Internacia Olimpiado, Berlino 1936 .................. 14
Ekspozicioj, foiroj kaj Esperanto 14
Humoro de l'mondo........... 14
Internacia Korespondado...... 15
Anoncoj .................. 15



**31-a Jaro N° 418**

**JUNIO 1935**

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra Jaro 1934/35
N-ro 8 — Junio 1935

*Al ĉiuj korespondantoj de la Centra Oficejo.*

Ni tre petas, ke oni skribu klare kaj, se eble, koncize pri ĉiuj aferoj pritraktotaj de ni. La cirkonstancoj postulas, ke ni neniel perdu valoran tempon. Oni bonvole apartigu korespondaĵojn pri aferoj de administrado kaj de propagando.

*Al la Ĉefdelegitoj kaj Perantoj.*

Ni memorigas pri tio, ke la spezofolioj devas esti sendataj regule ĝis la 10-a de ĉiu monato pri la negocoj de l'pasinta monato. Ne- reguleco nur malfaciligas la rilatojn. Ĝi ankaŭ kaŭzas superfluan laboron al la C.O. pro rektaj plendoj de la membroj kaj novaliĝintoj.

*Rabato de la Magazenoj « Bon Marché », Parizo.*

Ni atentigas la membrojn de U.E.A. pri la artikolo sur paĝo 87 (7) koncerne rabaton al membroj de nia asocio.

Robert Kreuz, Direktoro.

10 Junio 1935.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Belgujo**

*Ostende.* — D : Joseph Snykers, 32, rue de l'Eglise.

**Ĉeĥoslovakio**

*Kunovice u Uh. Hradiste.* — D : Jan Tichon (Korektigo).

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ :

*Britujo :* Erith, Longridge, Maidstone, Wallasey.
*Ĉeĥoslovakio :* Bzenec, Lenešice, Modra, Tabor, Usti nad Orlici, Nestomitz.
*Germanujo :* Pirna.
*Jugoslavio :* Banja Luka.

### ONI DANKAS !

*** D-ro Antoni Czubrynski en Koluszky (Polujo) dankas al F-ino Agnes Hogg, del. U.E.A., en Chester (Anglujo) por la afabla traduko de pli longa traktato scienca.



## Perada Servo de UEA

Informpetojn oni direktu al la Centra Oficejo de UEA kun indiko de la koncerna numero kaj aldonante por ĉiu sv. frk. 0.60 (2 post-aŭ UEA-respondkuponoj).

La rilataro inter la interesitoj devas okazi senpere. Korespondajojn ni ne peras. Informpetoj sen resp. kuponoj ne estas konsiderataj.

Publikigo en ĉi tiu rubriko sv. frk. 1.50 (5 poŝt- aŭ UEA-kuponoj por ĉiu ĉifro).

P.S.6. Serĉas reprezentantojn en ĉiuj landoj por eksporto de bonkvalitaj bulgaraj tabakoj.

P.S.7. Reprezentado serĉata por Bulgarujo.

P.S.8. Reprezentantoj serĉataj en Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Germanujo, Polujo, kaj Svislando por eksporto de legomoj, vinberoj, fruktoj, nuksoj ktp.

P.S.9. Ĝenerala reprezentado serĉata por Aŭstrio de malgrandaj motor-cikloj de malkara konstrukcio.

P.S.10. Adresoj de fremdlandaj fabrikantoj de motorcikloj kaj skribmaŝinoj dezirataj por Aŭstrio.

P.S.11. Reprezentado de skribmaŝinoj serĉata por Aŭstrio.

P.S.12. Reprezentado de medikamentoj kaj presaĵoj serĉata por okcidenta Pensilvanio (U.Ŝ.A.).

P.S.13. Serĉas reprezentantojn en landoj de facilaj komercrilatoj por eksporto de svisaj benzin-aparatoj (kuirfornoj, kamenoj, ban-varmigiloj, ktp.). Koresp. franca, germana, rusa, Esperanta.

P.S.14. Reprezentado serĉata de bone vendeblaj artikloj por Aŭstrio.

# Malgrandaj nacioj al la fronto!

En Esperantujo nuntempe treege efike laboras por triumfigo de Esperanto francaj kaj japanaj samideanoj. Ili ne nur agas tre eminente per lingvaj kaj gramatikaj pristudoj, sed ankaŭ klopodas multege por disvastigo de nia helpa lingvo kaj organizo de nia movado. Kvalite kaj kvante elstaras en nia mondo pacaj batalantoj el la grandaj landoj franca kaj japana, okcidenta kaj orienta.

Ni deziras tion rimarkigi kiel laŭdindan ekzemplon. Ni ne forgesas la grandajn meritojn de aliaj popoloj kaj nacianoj. Sed estas vere elokventa por nia afero la fakto, ke franclingvanoj, t.e. nacianoj, kies lingvo ludas privilegian rolon, tiel fervore batalas por sukcesigo de neŭtrala lingvo internacia. Tiu ĉi ekzemplo memorigas nin pri la historio de la militoj de l'homaro, kiuj ne ĉiam sekvis al lingvaj aŭ naciaj malsanecoj. Ni atentu ke germanlingvanoj, t.e. lingvaj samnacianoj : aŭstriaj, prusaj, svisaj ne ĉiam pace kunvivis, ne ĉiam bone interkonsentis ; ankaŭ lingvaj samnacianoj francaj, belgaj kaj svisaj ne unuiĝis por politika samnacieco. Kaj tamen politike interkonsentis svisaj diverslingvanoj. Do politika unuiĝo ne ĉiam identiĝas kun samlingvaneco, ne ĉiam popoloj batalas aŭ disiĝas pro lingvaj diferencoj. Esperanto ne estas magia rimedo por paco. Tial Zamenhof verkis pri homaranismo, teorion, aŭ doktrinon, organizon aŭ edukon por interpacigi la homojn. Esperanto prezentas *unu* el la helpiloj aŭ faciligiloj al ĉiaj progresoj de l'homaro.

Paco postulas senton aŭ impreson pri justeco. Neŭtrala lingva fundamento donas tiun ĉi senton aŭ impreson pri lingva justeco. Dank'al Esperanto povas malaperi *unu* el la kaŭzoj de interhoma maloportuno aŭ malamikeco. Jen eblo, jen celo, jen idealo, kiu meritigas klopodon de ĉiu bonvola homo, eĉ de ĉiu homo, kiu egoiste deziras eviti malpacon aŭ maltrankvilon.

Kaj se tiun lingvan justecon celas kaj porlaboras tiuj homoj, kies lingvo ĝuas superecon kaj privilegion, ili estas des pli laŭdindaj kaj meritaj : tiaj estas esperantistoj francaj, anglaj, germanaj, japanaj, hispanaj, italaj, rusaj kaj aliaj kiuj nuntempe estas anoj de privilegiitaj lingvoj. Katalunoj kaj finlandanoj, norvegoj kaj hungaroj, estonoj, irlandanoj kaj aliaj anoj de malgrandaj nacioj multe pli logike estas devigitaj klopodadi por sukcesigo de neŭtrala komuna helpa lingvo.

Delfi DALMAU, L.K., Barcelono.

---

# La Problemo de Tutmonda Armado

VI.

### LA MONDARMADO PER KELKAJ CIFEROJ

Jam en la lasta artikolo mi klarigis la kialojn kaj motivojn kial preskaŭ ĉiujn ŝtatistojn okupis la prava manio en farado de paktoj. Sendube tiu « paktomanio » ne estas sensignifa. Ĝi ja malkovras al ni la veran fonon, kiu kaŝas sin malantaŭe de diversaj konferencoj, precipe de internacia karaktero. Mi dubas, ke tiuj rimedoj povus alkonduki almenaŭ al la bonvida klarigo de armiga respektive malarmiga stato. Tiun ĉi supozon konfirmas jam la grandega nombro de tiuj kunvenoj kaj la nula sukceso.

Kaj ni diru, ke tiuj konferencoj estas sukcesaj (ĝis nun ili ne estis) : En kio montriĝu la sukceso ? En libera konkuro de armiĝado ! ! Aŭ alivorte dirite en ankoraŭ pli grandaj ekspezoj por unu direktiga fabrikado de l'neproduktiga mastrumado ! Sed malgraŭ tio estus tiuj kontraktoj vere nur slipoj da papero. Bone armita najbaro povas esti ĉiam atakema.

La solvo de malarmada demando estas do entute senaspekta.

La *forto de armada industrio estas* — tion mi denove akcentas — grandega, el kio rezultas la postulo, ke ankaŭ en armado kreiĝu certa « status quo ». Tiu, « status quo » klarigas al ni esence nur ion :

*Prospero de internacia armada industrio, kiu kaŝas sin malantaŭ la diversaj signalvortoj. lNe temas sekve pri tio, ke la armiĝo ĉesu, sed pri tio, kiu en a armada industrio estu la unua !*

Plenperfekta estus la mondarmado en ekzaktaj ciferoj. Sed tio estas neebla. Sciigoj, kiujn prezentas al ni la budĝetoj de unuopaj ŝtatoj tute ne estas veraj. Ili enhavas ĝustajn ciferojn nek pri efektivoj, nek pri elspezoj. La ĝustan staton de mondarmiĝo oni povas nur supozi !

Efektivoj povas ie, ekzemple en kazo de milito, dekobliĝi, alie denove dekkvinobliĝi. Post la elmontrataj budĝetaj elspezoj troviĝas ankoraŭ aliaj, kiuj estas kaŝitaj inter la kalkuloj de preskaŭ ĉiuj ministerioj. Sed ne rilate al tio, la ciferoj, estas en si mem teruraj, kiujn prezentas al mi la oficialaj statistikoj.

Hodiaŭ estas sub la armiloj konstante 8 ĝis 10 milionoj da homoj. Se ni kalkulas, ke ĉiu el ili estas kapabla produkti jare por 1.000 oraj frankoj da mastrumadaj bonajoj, tiu ĉi armado signifas efektivan jaran perdon ĝis 10 miliardoj da oraj frankoj. Anstataŭ tiun ĉi produktadon ni vidas la elspezon, kiun postulas tiu kolosa armeo de armitaj homoj. Tio kostas jare minimume 170 ĝis 200 milionoj da oraj frankoj. Kaj tio estas nur personaj elspezoj por nutrado, vestoj kaj botoj.

Fine neniu kontraŭstarus tiujn elspezojn se ili estus destinataj al la nuligo aŭ mildigo de senlaboreco. Sed tiuj elspezoj estas bedaŭrinde absolute ne produktigaj, same kiel estas neproduktiga la subteno por senlaboruloj.

Sed personaj elspezoj estas prava bagatelajo kompare al ili kun la efektivaj elspezoj. Sole en la jaro 1933 la mondo elzpesis por armado pli ol 3.950 milionojn da or-dolaroj. De la jaro 1925 ĝis la jaro 1935 superas tiu ĉi elspezo la sumon de 35.100 milionoj da or-dolaroj, aŭ alivorte dirite pli ol 17 or-dolarojn por ĉiu loĝanto de l'terglobo senkonsidere al sekso aŭ aĝo !

Se estas la personaj elspezoj relative neproduktigaj, poste la materialaj elspezoj dum la paca tempo ĉiel estas absolute neproduktigaj. La progreso de tekniko estas tiom rapida,

ke en mallonga tempo malnoviĝas la plej signifaj mortigaj armiloj ! Tiujn kompreneble oni devas baldaŭ anstataŭii per novaj. Kaj ne rilate al tio, kreskas kune kun la efekto de armilo ankaŭ ĝia eluzo : *Viktimo estas nur la homo* !

Per la militelspezoj de la lastaj dek jaroj oni povus koloniigi preskaŭ la tutan, laŭ naturo treege riĉan, orientan Azion. Senlaborecon ni preskaŭ ne konus, ĉar la elspezoj estus nur produktige investataj ! Sed anstataŭ tio ni vidas ĉiam pli altajn doganbarilojn, enkondukon de impostoj tieldire for ĉio, kreskantan armeon de senlaboruloj kaj de malriĉigintoj, malpuran ludon pri tiel nomataj popol-idealoj kaj for-prenon de la plej elementaj hom-rajtoj.

Okaze de milito povas la mondo starigi dum plej mallonga tempo grandegan armeon de 70 milionoj da homoj ! Pro la hodiaŭa tekniko, — ni menciu nur la aerveturon kaj kemion — la sorto de tiuj 70 milionoj da junaj vivoj, estas kun ĉiuj siaj esperoj kaj sopiroj, estas antaŭfiksita !

Sed Marso estas ĉiam pli englutiĝema. Ĝi disvastigis la batalkampojn malproksimen en malantaŭajn liniojn, altirante tiamaniere la universalan homaron en sian sovaĝan dancon...

Kontraŭ la detruo de la tuta civilizacio la homaro kompreneble sin defendas. Tuta vico de la ŝtatoj jam havigis al ĉiu sia ŝtatano kaj eĉ al la infanoj gasmaskon. Tiaspecajn elspezojn kompreneble ne estas eble kontroli.

La veturado kreskas ekscitige. Al tio ni alkakulu ankoraŭ la tutan civilan aviadon, kiu permesas, ke oni povas dum nokto transformigi la pasaĝera-viadilon en mortigan armilon. La stato de monda milita aerŝiparo estas nenombrebla kaj nur konjektebla ! Sed estas tute nature, ke la aviadilojn oni ja ne povas kaŝi...

La tuta tragiko montriĝas ĉe la militŝiparo. La militistaj registroj de unuopaj marŝipaj ŝtatoj elmontas ĝis la jaro 1934 kune ĉirkaŭ 2.100 unuojn kun ĉirkaŭ 5,600.000 da tunoj, 9.200 kanonoj kaj 11.400 torpedoj. Ankaŭ tiurilate ni ne povas konstati la faktajn ciferojn el la elspezoj, ĉar ĉi tiuj kaŝiĝas sub diversaj, plej naivaj ĉapitroj de la ŝtatbudĝetoj ! Tragiko estas en tio, ke tiurilate ni almenaŭ povas imagi la amplekson de militelspezoj. Se domo post 25 jaroj estu ŝarĝolibera, militŝipo dum la sama tempo jam malnoviĝinta kaj oni devas ĝin anstataŭi. Kompreneble tio estas nur ebla tiamaniere, ke la popolo anstataŭas ĝin per siaj novaj kaj pli grandigitaj kontribuoj. Ju pli rapida estas la tempo de anstataŭo (ŝanĝo), des pli grandaj devas esti la kontribuoj. Sed la tempo, kiel dirite, estas ĉiam pli rapida...

Momente estas eble eĉ proksimume taksi la valorojn de kapitaloj, investitajn en la armaĵojn, batalarmilaron kaj fortikaĵojn.

Tial la armada industrio havas la plej ampleksajn kampojn de la plej produktema agado. Ĉar ĉe tia kaj tiel granda amasigo da kapitalo, kiu estas krom ĉio investita en la necertecon pri sukceso (kaj ĝi estas tute nelimigita) la profito, tute kompreneble, estas antaŭkalkulita je la plej alto procento. Ĉi-tiun procenton ja devas pagadi la ŝtatanoj je la malutilo de l'tuta alia mastrumado !

En tio konsistas la krizo, en tio estas la malriĉiĝo ! Jen la abismo de malkontenteco. El tio fontas la malfido kaj nepre ĉiuj malbonaj konsekvencoj, ĉu ekonomiaj ĉu financaj de post la jaro 1931.

*La homaro perdis la panon, sed ĝi denove postulas ĝin* ! Ĉi tiun postulon oni ne povas saturigi per armado. La nacia ekonomio tiamaniere ne profitas, sed nur perdas. Nur tie, kie estas investaĵoj raciaj, ili estas produktigaj kaj nur tie ili povas servi al la tuteco. Ĉu la popolo pliriĉiĝu per armilaro, kiu jam antaŭ la uzo fariĝos malnoviĝinta kaj neuzebla ?

*« Caveant consules ne res publica... »*.

J. K. Beltyn.

---

# Malto, insulo de sunbrilo kaj historio

La historio de Malto vere komenciĝas kun la fenika epoko, ĉirkaŭ la jaroj 1450-550 antaŭ Kristo. Malmulto tamen estas konata pri tiu ĉi tempo, nur ke Malto estis tiam unu el la plej prosperaj kolonioj de l'fenikoj. Sekvis al ĝi la greka periodo (700-480 a.Kr.). Ne ekzistas pruvoj sufiĉaj, ke ĝi estis greka regno, sed certe grekaj lingvo kaj civilizacio floris en la insulo longtempe. Post ĝi venis la periodo de l'Kartaganoj (550-216 a.Kr.), dum kiu komerco kaj industrio de la insulo jam atingis gravecon.

La Romanoj (216 a.Kr. — 870 p.Kr.) konkeris la insulon, kies loĝantoj preferis liberiĝi de l'Kartaga militarismo. Ĝi estis roma provinco. El tiu ĉi periodo la legendo nur memorigas la alteriĝon de Sankta Paŭlo, la granda apostolo de l'Kristanismo, okaze de ŝiprompiĝo. Sed dume ankaŭ la vandaloj kaj la gotoj estis estroj de la insulo. De 870-1090 daŭris la araba regado. Ĝi ŝajnas esti estinta la plej subpremiga al la maltanoj pro la malsameco de religioj. Tio neniel malhelpis grandan kulturadon de arto kaj literaturo. Evidente la araba influo restis granda kaj profunda, ĉefe rilate la lingvon. Kvankam de pure fenika origino la malta lingvo, nun parolata, enhavas aregon da absolutaj arabaj elementoj. La araboj konstruis la unuajn fortikaĵojn. Post la konkero de Sicilio, la Normanoj okupis kaj regadis Malton (1090-1530). Plej konataj al ni estas la okazintaĵoj de l'16a jarcento. La Mediteraneo tiam estis scenejo de l'bataloj inter la Kristana Kruco kaj la Islama Duonluno. La kavaliroj de l'Ordeno de Sta. Johano de Jerusalem estis forpelitaj de l'sultano Solimano el sia sidejo sur la insulo Rodo. Post longa migrado kaj petado, laŭ interveno de l'papo, Karlo V donis la insulon kiel hejmon al la nomita ordeno (1530-1798). Malto fariĝis apog-punkto por ĉiuj kruc-militistoj, irantaj al la Sankta Lando. Ĝi rezistis kontraŭ ĉiuj islamaj atakoj. Survoje al Egipto en 1798, Napoleono I konkeris la insulon kaj forpelis la ordenanojn, sed nur du jarojn daŭris la reĝimo (1798-1800). Depost 1800 Malto estas brita posedaĵo. Post la mondmilito, Malto akiris la rajton pri memstara regado kun senato kaj leĝdona parlamento.

La brita kolonia registaro de longe zorgis pri rekonstruo, higieno kaj komforto. Belaj konstruaĵoj publikaj kaj privataj estas starigitaj. La stratoj kaj ŝoseoj estas pavimitaj; publikaj ĝardenoj estas plibeligitaj, la akvumado estas organizita laŭ modernaj principoj. Elektraj instaloj estas faritaj tra la tuta insulo. La edukado estas organizita laŭ plej bonaj metodoj. Krom la elementa kaj meza instruado, ekzistas liceo kaj Universitato. En la elementa instruado estas uzata la malta lingvo; por la supera la itala kaj angla lingvoj.

La klimato de la insulo kun siaj alpendaĵoj, la insuletoj Gozo, Comino, Cominotto kaj Fifla estas bona kaj sana. En vintro ĝi estas agrabla por ĉiuj kontinentanoj. Dum la somer-tempo freŝa marvento igas la restadon aparte agrabla.



Insulo Malto — Eniro de la granda haveno

Nur kiam blovas la " ŝiroko » la vetero estas malklara, la ĉielo kovrita. Pluvo estas tre neregula. La suno estas la ĉefa reganto kaj pro tio la lando ricevis la nomon « insulo de sunbrilo ».

Ni jam parolis pri la historio de la insulo. Kiel sekvo de tio abundas vidindaĵoj kaj memoraĵoj en la insulo. Riĉa estas la arta trezoro, kaj la arkeologiaj monumentoj parolas pri okazintaĵoj de plej malproksimaj tempoj. Malto estas paradizo por geologoj, natursciencistoj, filologoj, historiistoj kaj aliaj. Ankaŭ la ordinara turisto trovas grandegan nombron da allogaĵoj kaj interesaĵoj.

En la maja numero, dank' al la Turisma Oficejo de la Malta registaro, ni jam publikigis tipan bildon el la ĉefurbo La Valletta. Ni hodiaŭ reproduktas alian ilustraĵon, kiu montras la eniron de la granda haveno.

La partoprenantoj al la krozado de la 27a al Afriko havos la privilegion viziti kaj admiri Malton. Cetere ankaŭ Esperanto enradikiĝis en la insulo kaj la Centra Oficejo de UEA havas rilatojn kun kelkaj esperantistoj tie.

Laŭ strategia vidpunkto Malto jam de longe akiris gravecon. Ĝi estas valora navigacia apogopunkto. En estonto, sendube ĝi ludos elstaran rolon kiel krucpunkto de la aviado inter Eŭropo-Afriko-Azio.

R. K.

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

La Foiro de Budapesto denove aperigis interesan prospekton kaj reklam-folietojn pri la Foiro en Esperanto.

La Ĝenerala Reklam-Komisiono de la nederlanda marbana urbo Noordwijk-aan-Zee ĵus eldonis 40-paĝan ilustritan gvidlibron, okaze de la 50-jara ekzisto de la banloko. La libro, kiu entenas la planon de la urbo kaj detalajn informojn pri la banejoj, hoteloj, pensionoj k.t.p., estas nederlandlingva, sed la enkonduka artikolo estas presita ankaŭ en la lingvo Esperanto.

La « Pola Radio » dum la lastaj monatoj disaŭdigis kelkajn prelegojn en Esperanto pri Polujo kaj ĝia kultura vivo. Laŭ la ĵus publikigita raporto de la Pola Radio la prelegoj havis tre grandan sukceson. La direkcio ricevis ĉ. 2500, dank-leterojn.

La direkcio de la Radio-stacio de Ljubljana disaŭdigis dum la unua semajno de Junio ĉiuvespere unu paroladon en la lingvo Esperanto por informi la eksterlandan publikon pri la vidindaĵoj kaj trezoroj de Slovenio. Okazis entute sepdekminutaj paroladoj.

La granda ilustrita gazeto de la nederlanda laboristaro « WIJ » aperanta en Amsterdam ĉiuvendrede kaj en preskaŭ 100.000 ekzempleroj, en sia numero de la 12 Aprilo komencis regule aldoni Esperanto-lingvajn klarigojn al la bildoj sur la « internaciaj paĝoj ».

La 10-a numero de la medicina gazeto « Lijecnicki Vjestnik » aperanta en Zagreb publikigis artikolon pri la higiena stato en la departemento Beograd, kun Esp. lingva resumo.

La ĉeĥoslovaka flor-kulturisto, Emil Dokoupil, estro de la ĝardenista grandestablajo en Velké-Opatovice (Ĉeĥoslovakio) donis al nove kulturita daliospeco la nomon « Esperanto ». Ĝi estas dekoracia dalio kun grandaj flav-koloraj floroj.

La « Distilejo Van Zuylekom » en Amsterdam produktas ĝinon kun la nomo « Oude Genever Esperanto ».

La direkcio de la hungara poŝto eldonis, okaze de la nunjara Internacia Foiro en Budapest, novan serion de oficialaj poŝtkartoj kun ilustraĵoj. La klarigaj tekstoj sub la bildoj estas presitaj en la lingvoj : hungara, franca kaj Esperanta. La serio konsistas el 5 kartoj je 10 fileroj kaj 1 je 12 fileroj.

# Universala Esperanto-Asocio

## La Centra Oficejo

En la unuaj numeroj de la nuna jarkolekto de ĉi tiu revuo estis prezentitaj la prezidanto kaj la aliaj estraranoj de U.E.A. Ĉar ŝajnas al mi laŭcele, mi volonte akceptas la taskon, paroli en tiuj ĉi kolonoj pri la Centra Oficejo de U.E.A. Nur malmulte da personoj havas la eblecon vidi ĝin, speciale nun, kiam la krizo malfaciligas ĉiel vojaĝadon. La plimulto de l'Esperantistoj malofte havas rilatojn kun ĝi kaj, se jes, kutime nur skribajn.

La Centra Oficejo estas lokigita en tre taŭga, vasta ĉambro de malnova patricia domo, konstruita ĉirkaŭ la historia insul-turo de Ĝenevo, apud la rivero Rono en la urbcentro. La legantoj de « Esperanto » ĉi tiun jam konas el aro da presaĵoj de la U.E.A.

Malmultaj samideanoj estas informitaj pri la Centra Oficejo. La unuj imagas ĝin grandega instituciо kun arego da oficistoj kaj helantoj. Aliaj tute ne pensas iel pri ĝia amplekso. Pri ĝia graveco



Rigardo en la administracion de UEA

ambaŭ grupoj ne havas klaran impreson. Tio estas komprenebla, ĉar la individua esperantisto kutime nur sekvas certan parton de la laboro, kiu lin koncernas aŭ kiu lin interesas. Laŭ ekstera aspekto la Centra Oficejo similas al multaj aliaj oficejoj. Oni devas koni la funkciadon de la Esperanto-movado en la tuta mondo por kompreni ĝiajn rolon kaj gravecon. La direktado de la movado estas en la mano de la Internacia Centra Komitato de U.E.A.; ĝi decidas, laŭ principoj de demokratio pri la laborprogramo de la movado, la vojo irota kaj la rimedoj uzataj. La efektivajn gvidadon kaj respondecon havas la 7-a persona Estraro kun la prezidanto de U.E.A. Necesas memorigi tie ĉi la celojn kaj taskojn de U.E.A. Laŭ la statuto, U.E.A. celas :

1) disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto; plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo;

krei internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio;

kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj.

2) Laŭ la interkonsento de la 25a Universala Kongreso en Kolonjo, la 4 aŭgusto 1933, U.E.A. estas la tutmonda organizaĵo esperantista por atingi la ĝeneralan disvastiĝon de la lingvo Esperanto.

Ĝi reprezentas la internacian movadon, fiksas ĝiajn taskojn kaj gvidas la rilatajn laborojn;

ĝi zorgas pri la reciproka informado kaj kunagado de la Esperanto-societoj, organizas la Universalajn Kongresojn kaj aranĝas teknikajn konferencojn. La tuta teknila laboro pri tiuj ĉi celoj kaj taskoj konferencojn.

La tuta teknika laboro pri tiuj ĉi celoj kaj taskoj koncentriĝas ĉe la Centra Oficejo. Ĝi iniciatas, influas, reguligas, helpas, kontrolas kaj peradas ĉiujn tiurilatajn detalojn. Laŭ la oficiala raporto al la kongreso de Stokholmo estas donita al ĝi la rolo, esti ligilo de la enlanda propagando (farata de la landaj asocioj) al la internacia. Sed la Centra Oficejo havas krom tio ampleksan internajn taskojn. Ili koncernas la registradon de la internaciaj membroj, la aperigon de la Jarlibro de la Esperanto-Movado kaj la eldonon de la revuo kaj oficiala organo « Esperanto ». Fine ĝi devas zorgi pri la envenigo, administro kaj taŭga uzo de la necesaj financ-rimedoj. La tuto posttiras ampleksan korespondadon de kelkaj miloj da leteroj ĉiujare. Tiun ĉi laboregon plenumas nuntempe nur malgranda stabo, nome la direktoro kaj momente nur 4 oficistinoj. Ĝi estas farebla nur per uzo de ĉiuj modernaj helpiloj, per kiuj estas ekipita la Centra Oficejo de longe. La nuna direktoro klopodas konstante kaj sukcese pri kiel eble plej racia laborado. Je alia okazo estas parolite pri tio en « Esperanto ». La pretendoj farataj al la oficistinoj estas grandaj. Ne sufiĉas la nura kono de nia lingvo. Ili devas havi bonan ĝeneralan edukon por kompreni la multflankajn propagandajn temojn pritraktatajn. Ili devas kapabli pri ĉiu praktika laboro de moderna oficejo, koni sufiĉe da elementoj de aliaj lingvoj por orientiĝi en la multlingva adresmaterialo prilaborata. Ankaŭ rilate la laborkvanton oni devas postuli, ke ili regu grandegan amplekson de detaloj kaj detaletoj, karakterizaĵo, kiel oni sciigis al mi, de ĉiu Esperanto-entrepreno. Por sukcesa kaj efika laborado en la Centra Oficejo oni ne nur devas esti bona oficisto, sed havi en koro profundan konvinkon pri la utileco de sia agado.

Mi montris, ke la Centra Oficejo de U.E.A. en Ĝenevo estas vera Centro de la Esperanto-Movado. Koncentriĝas tie ĉio, kio rilatas al nia afero. Kuniĝas tie la Esperanto-rilatoj kun ĉiuj esperantistoj kaj Esp. organizaĵoj en la vasta mondo. Ni, Ĝenevanoj, estas fieraj, ke nia Centro troviĝas tie ĉi, en la urbo, kiu estas fokuso de l'internacia spirita vivo. Inter la internaciaj institucioj, kies sidejo estas en Ĝenevo, nia Centra Oficejo estas unu el la unuaj. Estas esperinde, ke post la nun farita reorganizo kaj dank'al la atingita organiza unueco ĝi disvolviĝu kaj pligrandiĝu daŭre, pruvante per tio la konstantan kreskon de la Esperanto-Movado.

Oni ne povas paroli pri la Ĝeneva Centro, ne parolante pri S-ro Konsilisto Rob. Kreuz, la direktoro de U.E.A. kaj estro de la Centra Oficejo. Ni deziras prezenti lin al la tuta esperantistaro kaj tiucele sekvigas lian bibliografion.

S-ro Rob. Kreuz naskiĝis la 2.6.1894 en Mainz s/Rejno kiel filo de ŝip-kapitano. Dum parto de sia juneco li vivis en Nederlando kaj Belgujo. Post la lerneja vizito en Germanujo li eniris la komercon kaj industrion. Li faris rapidan kaj brilan karieron, estante post la milito sekcia ĉefo en oficejo de granda metalprilabora uzino en Frankfurt a.M. Li partoprenis la mondmiliton aktive i.a. kiel teknika organizanto en div. milit-entreprenoj en Nordfrancujo kaj Belgujo. S-ro Kreuz faris apartajn studojn pri komerca tekniko, ekonomiaj problemoj kaj reklama scienco. Li dediĉis sin fervore al studo de fremdaj lingvoj (ĉiuj romanaj kaj ĝermanaj). Lia ekstrema lerteco pri parola traduko el kelkaj ĉeflingvoj estas fame konata. Li ankaŭ okupiĝis pri ekster-eŭropaj lingvoj. Post sia esperantistiĝo li lernis Idon kaj studis aliajn helplingvoprojektojn. Li estas perfekta stenografo plurlingva. En niaj universalaj kongresoj li kutime stenografas la ĉefajn paroladojn.

Li havas vastajn interesojn pri literaturo, scienco kaj praktika organizado. Li aperigis plurajn original-verkojn praktikajn kaj tradukojn en Esperanto. Li estas konata kiel rimarkinda oratoro.

Li fariĝis esperantisto en vintro 1908-1909. Li aliĝis al U.E.A. en 1911. Ĝis 1914 li apartenis al la plej elstaraj laborantoj en Sudokcidenta Germanlando. Ĉe la militfino li reaktiviĝis tuj en la sama teritorio kaj en Rejnlando. Lia iniciata rolo kiel « patro de la foira Esp. reklamo » jam estas historie fiksita.



La biblioteko de UEA (parta bildo)



Direktoro Kreuz en sia labor-ĉambro

En 1923, S-ro Rob. Kreuz fariĝis profesia esperantisto. Unue, li estis direktanto de la Esp. fako de la firmo T. & H. Jung en Horrem kaj redaktoro de « Esperanto Triumfonta » (la antaŭulo de « Heroldo de Esperanto »). En 1924 li estis vokita de la tiama prezidanto de ICK kaj UEA, D-ro Privat, al Ĝenevo, kiel sekretario de la universalaj kongresoj kaj konferencoj. En majo 1925, li estis elektita Ĝenerala Sekretario de la I.C.K. En 1930 li ricevis la titolon de Direktoro. Li senĉese laboris por la firmigo de la pozicio de l'I.C.K. kiel centra gvid-institucio de la Esperanto-movado. Depost 1927 S-ro Kreuz estas membro de la Lingva Komitato. Okaze de la reorganizo de la Esperanto-organizo en 1933, la I.C.K.-oficejo kuniĝis kun tiu de U.E.A. kiel Sekcio de Eksteraj Aferoj sub lia gvidado kiel direktoro de U.E.A. Okaze de la decidoj en Stokholmo en 1934 li estis elektita sola direktoro de U.E.A. kaj fariĝis redaktoro de « Esperanto ». Fine de 1934 li estis elektita Korespondanto de la Esperantista Akademio.

Por koni lian laboron kiel praktika organizanto en la movado, oni devas legi la oficialajn raportojn al la universalaj kongresoj de la lastaj 10 jaroj. Tiam oni scias, kion signifas lia multjara agado tiel por Esperanto, kiel por nia organizo.

Pri lia nuna agado mi bezonas nur citi la jam publikigitan konstaton de la nuna prezidanto de U.E.A., S-ro Generalo Bastien, en la ĵus okazinta Paska kunveno de la estraro de U.E.A.[1] kiu esprimis la konvinkon, « ke la direkcio de U.E.A. estas en taŭgaj kaj spertaj manoj ».

Ni povas nur deziri, ke tiel estu por ankoraŭ longaj jaroj.

J. VERCELLINATI, Genève.

[1] Komp. « Esp. » No 5, pĝ. 72(8).

---

## Oficiala Honorigo al la Direktoro de UEA, Sro. Rob. Kreuz kaj al Sro. Registara Konsilisto H. Steiner, Estrarano de l'UEA.

Lia Moŝto, Francisko I-a, la Reganta Princo de Liĥtenstejno, ĵus nomis S-ron Rob. Kreuz, Direktoro de UEA., en Ĝenevo, « Princa Komerca Konsilisto », konsiderante liajn meritojn pri la fremdul-trafiko en tiu ĉi princlando. De pluraj jaroj la Direktoro de UEA okupiĝas pri la turisma propagando de Liĥtenstejno pere de Esperanto. Li ankaŭ reprezentis, kiel Speciala Komisaro, la Registaron en niaj universalaj kaj en aliaj kongresoj neesperantistaj. Al lia iniciato estas ŝuldataj la ĝis nun aperintaj 2 serioj de oficialaj poŝtkartoj en Esperanto kaj pluraj prospektoj pri la lando. Pro tio, tiu ĉi honorigo estas samtempe rekono por la Esperanto-movado kaj pri la efikeco de Esperanto mem kiel moderna helpilo por la turismo. Ĝi estas krome indikilo, laŭ kiu direkto ni devas orientadi nian praktikan laboron.

Pro la sama motivo la suvereno transdonigis al S-ro Registara Konsilisto Hugo Steiner, Vieno, la princan jubilean memor-medalon de Liĥtenstejno de 1908.

## La Magazenoj "Bon Marché" en Parizo donas rabaton al UEA- membroj

Ekzistas jam notinda nombro da entreprenoj, precipe hoteloj, en diversaj landoj, kiuj ĝuigas certajn favorojn al anoj de la esperanto-movado. La servaro de UEA antaŭvidas i.a. la havigon de tiaj favoroj al la membroj de la asocio.

Pro tio estas dankinde, ke niaj francaj samideanoj, en kunagado kun la prezidanto de nia asocio, S-ro, Generalo Bastien, klopodis tiudirekten en Parizo. Sekve de ĉi-tiu iniciato, la direkcio de la famaj grandaj magazenoj « Bon Marché » (Rue de Sèvres, Paris 6) bonvolis konsenti pri rabato de 5% por ĉiuj aĉetoj, farataj de membroj de UEA.

Ni konigas tie ĉi la formalaĵojn, kiuj devas esti konsiderataj por certigi al si tiun ĉi rabaton.

Estas necese, ke la Magazenoj kontrolu la identencon de la aĉetantoj. Do :

1e En Parizo kaj en la ĉirkaŭaj urboj kaj urbetoj, kien iras la veturiloj de « BON MARCHE ».

La personoj, kiuj iras mem al la Magazenoj, elektinte la aĉetaĵojn, sciigas pri sia esperantisteco la vendistinon, por ke ĉi tiu sendu ilin al iu kasisto, kaj ne al aŭtomata kaso. Ili prezentas sian membrokarton de UEA, kaj samtempe legitiman dokumenton enhavantan fotografaĵon. Se la membrokarto enhavas fotografaĵon, ĝi sufiĉas.

Ili povas ankaŭ postuli fakturojn, kaj poste prezenti ilin, kiel estas dirite ĉi-sube.

La personoj, kiu( sendigas la varojn al la hejmo kaj pagas hejme, sciigas pri sia esperantisteco la vendistinon, kiam ili elektas la aĉetaĵojn. Ili konservas la fakturojn kaj, post malpli ol tri monatoj, prezentas ilin al la Kaso de la Fakturoj (« Caisse des Factures »). Kun la membrokarto kaj legitima dokumento, enhavanta fotografaĵon. Oni repagos al ili la rabaton.

2e *Provincanoj kaj eksterlandanoj.*

La personoj, kiuj mendas per letero, skribu en esperanto (krom la teknikaj terminoj de la katologo) ; ili montru tre legeble sian nomon kaj adreson, la numeron de sia membrokarto de UEA, kaj *ne forgesu surglui unu servokuponon validan por la kuranta jaro.* La rabato estas dekalkulata sur la fakturo.

Ni rekomendas al la membroj de UEA eluzi vaste ĉi tiun rabaton.

Al la direkcio de la Magazenoj « Bon Marché » ni dankas kaj gratulas pro la imitinda decido.

*N.-B.* — Pro la ŝtat-imposto de 2 %, la rabato estas efektive 4,90 %.

---




# 27-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

11-a SOMERA UNIVERSITATO
KONGRESA KROZADO

3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

## TRIA OFICIALA KOMUNIKO

1. *Patronado.* — Bonvolis eniri la Patronadan Komitaton ankaŭ Lia Ekscelenco F. T. Martinetti, Membro de la Itala Akademio, kaj la Senatano Innocenzo Cappa.

3. *Organiza Oficejo.* — Adreso : « Esperanto-Centro Itala » Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano. — Telegramadreso «Esperanto» Galleria 92, Milano. — Poŝtĉeka konto 3/18715, Esperanto-Centro Itala, Milano. — « Esperanto-Centro Itala » havas konton ĉe Banca Commerciale Italiana, Piazza della Scala, Milano.

Skribante, bonvolu indiki la kongresnumeron kaj la klaran adreson ; bonvolu ĉiam aldoni *respondkuponon.*

4. *Kotizoj.* — Baza Kotizo 100 italaj liroj. — Estas konsentitaj favorkotizoj por familianoj kaj junuloj, detale montritaj en la aliĝilo. Rabato por frua aliĝo ĝis 30 junio, 10%.

Familianoj kiuj rajtas ricevi la favorkotizon estas : edz(in)o, gefiloj, kondiĉe ke ili apartenu efektive al la sama familio, do kune loĝantaj.

Oni rapidu aliĝi, ne atendante la lastan minuton.

5. *Donacoj.* — Danke oni akceptas eĉ malgrandajn donacojn por la Kongresa Kaso kaj por la Blindula Kaso.

6. *Rajtoj de la Kongresano.* — Por faciligi la partoprenon de la Kongresanoj al la Kongresa Krozado kaj al ĉiuj turismaj aranĝoj de UEA-Turisma Servo (komisie « Esperanto-Centro Itala ») en kunligo kun la kongresprogramo, la tre favoraj turismaj kotizoj por la Kongresanoj estas prokrastitaj ĝis fino de junio.

*Premioj lotumitaj :* Laŭ la promeso donita en la « Dua Oficiala Komuniko » estas lotumitaj la 5 majo vespere, la premioj por la aliĝintoj ĝis fino de aprilo : de nº 1 ĝis nº 1013. Jen la rezulto de la lotumo.

| Premio | | Kongresano |
|---|---|---|
| 1. Kongresa Ekskurso | N. 340 | S-ino Pilz, Knittelfeld (Aŭstr.). |
| 2. La Vendreda Klubo | N. 435 | S-ro L. Krajc, Moravská Ostrava (Ĉeĥosl.). |
| 3. La Vendreda Klubo | N. 498 | S-ro E. Attrée, Calais. |
| 4. La Vendreda Klubo | N. 162 | F-ino Luzeray, Orléans. |
| 5. Esperanta Legolibro | N. 195 | S-ro F. Boscà, Valencia. |
| 6. Esperanta Legolibro | N. 978 | S-ino E. Carlson, Eskilstuna. |
| 7. Esperanta Legolibro | N. 635 | F-ino R. Virgin, Cotham (Anglujo). |

7. *Daloj de la Kongreso.* — La ĉefaj tagoj de la kongrearanĝoj estas :

— en *Firenze* : 3 aŭg. *malfermo* de la *Somera Universitato.*
— en Roma : 5 aŭg. *solena malfermo de la Kongreso.*
— en Roma : 7 aŭg. ĉefaj kaj fakaj kunsidoj. Internacia Balo.
— en Napoli : 9 k 10 aŭg. *Granda Kongresa Ekskurso.*
— en Napoli : 10 aŭg. *fermo de la Kongreso.* Komenco de la Kongresa Krozado al Afriko.
— en Genova : 17 aŭg. fino de la Kongresa Krozado. *Fermo de la Somera Universitato.*

8. *Sidejo de la Kongreso.* — La oficiala sidejo de la Kongreso estos en *Roma.* La fama Historia *Palaco de la Roma Universitato* estos la Kongresejo.

9. *Somera Universitato.* — Direkcio : Prof D-ro Bruno Migliorini, de la Universitato de Fribourg, Vic-Prezidanto de la E.-Akademio. — Akceptis prelegi en la Somera Universitato : D-ro Prof. Vincenzo Musella, Napoli ; S-ro Grenkamp-Kornfeld, Parizo ; Prof. D-ro O. Bujwid, Kraków ; Prof. G. Facchi el Brescia ; F-ino L. Zamenhof el Warszawa ; Prof. G. Waringhien el Lille ; Prof. St. La Colla, Roma ; Prof. D-ro B. Migliorini, Roma ; S-ro G. Avril, Nice ; Prof. Saggiori, Padova.

10. *Kongresa Krozado.* — Ĉi tiu ĉefa turisma aranĝo, kiel ĉiuj aliaj turismaj aranĝoj de la 27.a, estas organizata de l'UEA-Turisma Servo, Genève (komisie : Esperanto-Centro Itala, Milano, por la teknikaj detaloj). Por ĉiuj detaloj, aliĝkondiĉoj, kotizoj, oni legu en la Kongresa Gazeto « L'Esperanto », en « Heroldo de Esperanto » kaj en « Esperanto » de UEA.

Sur la ŝipo okazos pluraj prelegoj de la S.U. — La Kongresa Krozado estas parto de la Kongresa programo mem. Por certigi plenan, brilan sukceson al la 27. a, estas nepre necese ke tre *multaj samideanoj aliĝu tuj ankaŭ al la Kongresa Krozado.*

11. *Fakaj Kunsidoj.* — Estas anoncitaj la jenaj novaj Fakaj Kunsidoj, krom tiuj jam anoncitaj en la Dua Oficiala Komuniko :

10. *Lingva Komitato :* S-ro Gen. Inĝ. M. Rollet de l'Isle, rue du Sommerard 35, *Paris* (Francujo).
11. *Apotekistoj* kaj *Farmaciistoj :* S-ro D-ro G. Fachinotti, Farmacia Centrale, *Valenza* (Italujo).
12. *Fraternité de la Nouvelle Vie :* S-ro Marc Rorbach, 4, rue Lamandé, *Paris* 17ᵉ (*Francujo*).
13. *Internacia Polica Ligo :* S-ro A. Schwartz, 10, rue Engelhardt, *Strasbourg-Meinau* (Francujo).
14. *Internacia Scienca Asocio :* S-ro Gen. Inĝ. M. Rollet de l'Isle, rue du Sommerard 35, *Paris* (Francujo).

Pri la kunsido nº 3 en la Dua Ofic. Komuniko ni atentigas ke okazos du kunvenoj de Stenografoj.

*a)* Ĝenerala Kunveno de *Internacia Asocio de Esperantistoj Stenografistoj* (I.A.E.S.) : estas kore invitataj ĉeesti Stenografoj de ĉiuj landoj kaj sistemoj.

*b)* Ĝenerala kunveno de *Stenografa Instituto Tutmonda* (S.I.T.) : ĉiuj adeptoj de la sistemo Duployé estas petataj partopreni. Pri ambaŭ informas S-ro Flageul, 9, Bd. Voltaire, Issy-les-Moulineaux (Francujo).

Pri la kunsido nº 4 en la Dua Ofic. Komuniko ni atentigas ke interesiĝas pri tiu kunveno ankaŭ la Asocio « Esperanto kaj Komerco » : 23, rue Notre Dame des Victoires, Paris 2e (Francujo).

12. *Turismaj aranĝoj.* — Ĝis la 25 Majo alvenis proks. 365 aliĝoj por la Vojaĝo « Tra Italio ». Al la Kongresa Krozado aliĝis proks. 410 gesamideanoj. Ni substrekas ke por certigi al si tute kontentigan kaj plenan plenumon de ĉiu detalo de la grandiozaj turismaj aranĝoj, oni devas aliĝi antaŭ la 20 junio, sendante la tutan pagon antaŭ tiu dato. La Krozadon kaj la Vojaĝon « Tra Italio » rajtas partopreni ankaŭ nekongresanoj kaj neesperantistoj : sed nur la kongresanoj ricevos la rabatkotizojn.

Ĉiujn detalojn pri la turismaj aferoj oni bonvolu legi en la gazeto « L'Esperanto » kaj en « Heroldo de Esperanto ».

Pri la turismaj aranĝoj, oni atentu la ĝeneralajn kondiĉojn jam publikigitajn.

13. *Fervojaj rabatoj.* — *Ŝipaj rabatoj.* — Estas definitive certigita la rabato 70% por la vojaĝo de itala fervoja limo aŭ haveno ĝis Napoli, kaj de Napoli aŭ Genova ĝis alia itala fervoja limo aŭ haveno.

Plie, la aliĝintoj ricevos *kvin rabatilojn* por liberaj vojaĝoj en Italujo je *duona prezo.*

Preskaŭ ĉiuj italaj ŝipkompanioj konsentis rabaton de 25%, 30% aŭ 50% por la kongresanoj. Oni vidu en la Kongresgazeto apartan tabelon kaj oni petu informojn de la italaj ŝipagentejoj.

Ankaŭ la Aŭstriaj Fervojoj konsentis rabaton al la Kongresanoj .

14. *Loĝejoj kaj manĝoj.* — Detalaj informoj estas donitaj en la Dua Oficiala Komuniko. — Plene kontentiga pensiono povas kosti meze 45 lirojn.

15. *Ĝenerala Programo.*— En la nº4 de la kongresa gazeto « L'Esperanto » aperas la plena detala programo de la Kongresaj kaj Turismaj Aranĝoj, inkluzive de la Krozado al Afriko. Sama programo aperas ankaŭ en la speciala num. de Heroldo de Esperanto.

16. *Libervolaj ekskursoj.* — En la citita num. de « L'Esperanto » aperas la plena listo de la *Unuaj Koncentriĝoj* (aldonprogramoj en kunligo kun la programo « Tra Italio »), de la *Dumkongresaj Ekskursoj,* kaj de la *Krozadekskursoj.*

La L.K.K. rekomendas *Jam nun mendi lokon por la granda Kongresa Ekskurso* Napoli-Pompei-Napoli (9 aŭg.) kaj Napoli-Insulo Capri-Napoli (10 aŭg.). Ĝi estas la plej grava ekskurso de la tuta kongreso, sed la nombro de lokoj estas limigita.

Partoprenantoj al la Vojaĝo « Tra Italio » rajtas partopreni ankaŭ la Grandan Kongresan Ekskurson, sen plia pago.

18. *Aliĝoj.* — Ĝis 30.4.35 aliĝis 1013 kongresanoj.

19. *Karavanoj al la 27.a.* — Definitive organiziĝis la jenaj karavanoj :

— *Heroldo de Esperanto:* Rotterdam (tra Germanujo kaj Svislando).
— *Germana Esperanto-Asocio.*
— *S-ino Sári S. John:* Budapest.
— *S-ro H. Steiner:* Wien (du karavanoj.)
— *Finlanda Turismo:* Helsinki.
— *Esperanto-Asocio de Estonio:* Tallinn.
— *Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista:* 's-Hertogenbosch.

21. *Gazetaro.* — Ni ripetas la insistan peton sendi al ni po du ekzempleroj de ĉiuj revuoj aŭ gazetoj, kie aperis io pri la Roma Kongreso, ankaŭ en nacia lingvo.

22. *Radio.* — Italaj Radio-Stacioj en relajso dissendas regule dekminutan paroladon en Esperanto ĉiun lundon kaj ĉiun vendredon de 18.35 ĝis 18.45.

Krom la jam en la Dua O.K. menciitaj Stacioj, dissendas ĉiumarde preskaŭ senescepte informojn pri la Roma Kongreso ankaŭ la Ŝtata Radio-Stacio de Tallinn (h. 20 Met.).

23. *Pasportoj kaj vizoj.* — Ne estas necesaj specialaj vizoj por Malta nek por Afriko.

Por rapidigi la kontrolon de la pasportoj en la diversaj havenoj estas necese pretigi listojn de la partoprenantoj al la Kongresa Krozado. Ni petas ĉiujn krozadanojn ke ili bonvolu sendi al ni, kiel eble plej frue, *la nomon de la patro.* Tiu ĉi simpla formalaĵo estas nur por eviti al ĉiu krozadano la ĝenon de la unuopa vizo sur la pasporto.

25. *Esperanto-Ekspozicio ĉe la Roma Universitato.* — Por organizi dum la kongrestagoj en la Palaco de la Roma Universitato, Esperanto-Ekspozicion, ni petas sendi donace esperantaĵojn, afiŝojn, prospektojn, librojn, ktp., al la jena adreso :

27.a Universala Kongreso de Esperanto

ĉe S-ro Kav. *Ermanno Filippi,* Via Tagliamento 76, Roma

La L.K.K.

*Noto:* Por superi la pagomalfacilaĵojn el Germanujo kaj Aŭstrujo koncerne la kotizojn de la Kongreso kaj de la Turismaj Aranĝoj, oni sin turnu al la C.I.T.-Oficejoj en Berlin, München kaj Wien, kiuj rilatas kun Esperanto-Centro Itala en Milano. — Jam ni sendis cirkuleron al multajinteresitoj kaj publikigis klarigojn. aliaj detalaj klarigoj baldaŭ sekvos.

---

# La Kongresa Krozado de la 27a

Ŝipego je 15.000 tunoj, mara koloso servanta kutime la liniojn al malproksima Oriento, je dispono de la Esperanto-Kongreso ! Por la unua fojo en nia historio, ni esperantistaj organizaĵoj kuraĝe eniras la grandskalajn entreprenojn por la apliko de nia lingvo en la granda turismo. Nia lingvo estu je la servo de ĝiaj amikoj, ligu al si ilin per tio, kiam la nobleco de la idealo sola ne sufiĉas.

Tiu ĉi komerca fakto, tiu ĉi ordinara ĉarto, en kiu oni trankvile ludas per dikciferaj sumoj, akiras por nia movado spiritan signifon. Kion nia amata Majstro pensus, vidante siajn disĉiplojn mastroj — almenaŭ dum dek tagoj — de respektinda boatego, simbolo de la moderna epoko kaj de la teknika potenco ; kion li dirus, se li povus karesi per la rigardo la verdan flagon ĉe la supro de la masto, alte en la ĉielo... en la ĉielo de tiu Mediteraneo, kiu estis dum la jarmiloj la lulilo de la homa civilizacio ! Komparante tiun fakton kun la epoko, kiam ŝajnis al li miraklo la simpla interparolo de kelkaj homoj en la lingvo, kies kreinto li estis, li rajtus fieri pri la firma progreso de Esperanto, *faktoro de la moderna vivo.*

Vojaĝo en la plej blua, en la plej bela maro de l' mondo : vojaĝo al la plej interesa lando por Eŭropanoj, vojaĝo en tute esperantista familio, jen ideala libertempo, jen nerezistebla allogajo ! Kiu preterlasos la okazon ?

Sed ne sufiĉas la bonaj intencoj. Oni devas konkrete aliĝi. En la lastaj tagoj antaŭ la Kongreso, la kompatinda Kongresa Oficejo estos tiom senkompate premegata de amasiĝanta laborego, ke la Krozad-aranĝojn ĝi ne povos atenti plu. — Aliflanke, se la ŝipo ne povus esti plenigata pro manko de aliĝoj, pro la hezitemo aŭ prokrastemo de multaj samideanoj tiam okazus duonkatastrofo. Ĉar el la Krozado la UEA-Turisma Servo ne intencis (kompreneble) iel profiti, sed simple servi al la samideanoj, eĉ la manko de malmultaj aliĝoj al la Krozado mem kuntrenus kun si timindan deficiton, kiun nek UEA nek la LKK en la nuna momento bezonas!

Multajn malfacilegajn cirkonstancojn la organizantoj superis per firma volo kaj per senlima oferemo : sed la manko de aliĝoj al la Krozado estus ja la pereo de ilia tuta laboro, de la tuta grandioza organizo.

Tion malebligu, samideanoj ! La vasta programo de la 27-a devas brile sukcesi, ĝi devas impresi la publikon, kiu ignoras niajn klopodojn, nian ekziston mem. Aliĝu do tujege al la 27-a ; aliĝu tujege al nia Kongresa Krozado. Propagandu por ĝi : konduku kun vi ankaŭ neesperantistajn geamikojn, kiuj certe ŝategos viziti Afrikon !

Ni speciale rekomendas al Vi mendi lokojn en la Kategorioj F kaj FF. Tiuj kajutoj estas tute kontentigaj. Ni esperas ke nia varma alvoko havigos rapide multajn aliĝojn por tiu ankoraŭ malplena parto de nia ŝipo, de nia naviganta hejmo kun la verda flago de nia espero !...

# La estontaj Milionuloj de la 27-a !

### Listo de la unuaj Krozadanoj (Fino)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 208. | 266 | F-ino Hooftam, Leeuwarden | E / 21658 |
| 209. | 134 | S-ino Wachman-Stroh, Zeist | I / 28809 |
| 210. | 147 | S-ino Olland, Driebergen | E / 21601 |
| 211. | 277 | S-ro Kotov, Ruse | I / 28804 |
| 212. | 278 | S-ro Bujuklijski, Ruse | E / 21650 |
| 213. | 466 | S-ino Taft, Tallinn | I / 28805 |
| 214. | 256 | S-ro Hallerstrom, Billsbro Vingaker | D / 15036 |
| 215. | 698 | F-ino Paolet, S. Vito Tagliamento | E / 21652 |
| 216. | 699 | S-ro Dlabaŝ, Praha | I / 28811 |
| 217. | 706 | F-ino Ashby, Birmingham | E / 21659 |
| 218. | 707 | F-ino Showell, Birmingham | I / 28807 |
| 219. | 410 | S-ro Wooding, Leicester | E / 21649 |
| 220. | 708 | S-ro Bootwood, Hastings | E / 21605 |
| 221. | 16 | F-ino Linnander, Stockholm | D / 15033 |
| 222. | 710 | S-ro Schamanek, Unter-Tullnerbach | E / 21654 |
| 223. | 711 | S-ino Schamanek, Unter-Tullnerbach | D / 15030 |
| 224. | 715 | S-ro Jurek, Wien | E / 21653 |
| 225. | 716 | S-ro Legerer, Krems | I / 28812 |
| 226. | 712 | S-ino Mohr, Wien | E / 21655 |
| 227. | 713 | S-ino Seidel, Wien | D / 15029 |
| 228. | 502 | S-ino van der Helder de Haan, Arnhem | E / 21656 |
| 229. | 344 | S-ino de Virienvan der Burgh, St.-Raphael | I / 28806 |
| 230. | 345 | S-ro de Virienvan der Burgh, St-Raphael | E / 21604 |
| 231. | 302 | S-ino Nummela, Helsinki | D / 150[illegible]8 |
| 232. | 99 | S-ino Luukanen, Helsinki | E / 21607 |
| 233. | 300 | S-ino Kahari, Helsinki | D / 15034 |
| 234. | 179 | S-ino Oikkonen, Helsinki | I / 28803 |
| 235. | 303 | S-ino Leivo, Helsinki | E / 21602 |
| 236. | 295 | S-ino Koivuniemi, Helsinki | D / 15031 |
| 237. | 606 | S-ro Kleven, Hamar | E / 21657 |
| 238. | 434 | S-ro Marek, Mlada Boleslav | D / 15032 |
| 239. | 307 | S-ro Saalfeld, Magdeburg | I / 28810 |
| 240. | 652 | S-ro Huber-Jaccard, Arbon | E / 21651 |
| 241. | 653 | S-ino Huber-Jaccard, Arbon | E / 21612 |
| 242. | 34 | S-ro Gehrmenn, Recklinghausen | E / 21612 |
| 243. | 240 | S-ro Duregger, Traunstein | E / 21611 |
| 244. | 254 | F-ino Pensova, Praha | E / 21611 |
| 245. | 531 | F-ino Barečova, Praha | E / 21612 |
| 246. | 532 | S-ino Nademlejnska, Hostivar | E / 21611 |
| 247. | 515 | F-ino Feldmann, Zlate Moravce | E / 21612 |
| 248. | 516 | S-ino Schulcz, Hr. SV. Benedik | E / 21611 |
| 249. | 425 | S-ro van Ingen, Rotterdam | E / 21611 |
| 250. | """ | S-ro van Ingen, Rotterdam | E / 21612 |
| 251. | 113 | F-ino Mellina, Milano | E / 21611 |
| 252. | 7 | S-ro Orengo, Busto Arsizio | E / 21612 |

## INTERNACIA KONGRESO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ

La *Internacia Kongreso de Katolikaj Esperantistoj* okazos en Roma en la kadro de la 27.a Universala Kongreso de Esperanto.

La detalojn de la Katolika Kongreso kaj de la rilataj manifestacioj (tagordoj, diskutoj, oficialaj preparoj, specialaj akceptoj, specialaj vizitoj) prizorgas aparta Komitato, prezidata de Monsinjoro Enrico Violi, kies Sekretario estas Patro Modesto Carolfi (*Cortemaggiore*, prov. Piacenza, Italujo), al kiu lasta oni bonvolu sin turni por la supre diritaj aferoj.

La kunvenejojn de la Katolika Kongreso havigos la L.K.K. de la 27.a.

La turismajn aranĝojn de la Katolika Kongreso, ekskursojn, ktp. prizorgas (pro interkonsento kun la aparta Komitato) la Turisma Servo de U.E.A. (komisie : Esperanto-Centro Itala, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano) kune kun la similaj aranĝoj por la Universala Kongreso : vojaĝo « Tra Italio », programo de la ekskursoj, Kongresa Krozado « Al Afriko », ktp.

La programon de la Katolika Kongreso oni bonvolu legi en la ĝenerala programo de la 27.a.

Por aliĝi al la Katolika Kongreso ne estas postulata aparta speciala kotizo : sufiĉas sin anonci por tia Kongreso, sur la aliĝilo de la 27.a, aliĝante al ĝi.

---

La *XIV-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj* okazos en Roma en la kadro de la 27.a Universala Kongreso de Esperanto.

Alprenis la aranĝon de la Blindula Kongreso speciala Komitato, prezidata de Inĝ. Orengo, kies Delegito por la faka organizo estas S-ro Inĝ. Prof. Raffaele Tancredi (*Savona*, Via San Lorenzo 26/6, Italujo). Al tiu ĉi lasta oni bonvolu sin turni por la specialaj aferoj koncernantaj la blindulojn : tagordoj, diskutoj, specialaj festoj, ktp.

La kunvenejojn de la Blindula Kongreso havigos la L.K.K. de la 27.a.

La programon de la Blindula Kongreso oni bonvolu legi en la ĝenerala programo de la 27.a.

Koncerne la aliĝon, laŭ preciza decido de la LKK, la blindaj esperantistoj rajtas aliĝi al la 27-a Universala Kongreso senpage, tamen la LKK afable petas la blindajn esperantistojn, kiuj povas tion fari, donaci al la Blindula Kaso de la Kongreso almenaŭ 15 lirojn. La *efektivaj gvidantoj* rajtas profiti je favora kotizo de « familianoj », kiu estas rabatita je 40 %, nome, estas it. lir. 54.— ĝis fino de junio, kaj poste 60.— it. liroj.

Por la fervojaj rabatoj, ankaŭ la Blindaj Kongresanoj bonvolu informiĝi pri la koncernaj informoj en la Oficialaj Komunikoj de la 27-a UK.

Por loĝado en Roma, dank' al afablaj klopodoj de la Itala Blindul-Unio, estas havigataj al la Blinduloj kaj Blindulgvidantoj specialaj pensionoj, kies prezo potaga (por loĝado kaj ĉiuj manĝoj) estas 15 it. liroj. Intencante tie mendi lokon, oni sin anoncu (indikante dum kiuj tagoj oni restos en Roma) al « Esperanto-Centro Itala » Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano, kaj oni sendu la koncernan pagon kiel eble plej frue.

Mendojn kun indikoj de eventualaj deziroj (por loĝado en ĉambro kun aliaj difinitaj kongresanoj, k.s.) oni sendu antaŭ la fino de Junio, al Esperanto-Centro Itala, en Milano.

Pagojn kaj donacojn por la Katolika Kongreso kaj por la Blindula Kongreso, oni sendu senescepte, *kun indiko de la celo* al :

ESPERANTO-CENTRO ITALA

Galleria Vittorio Emanuele 92, MILANO.
Poŝtĉeka Konto 3/18715 de « Esperanto-Centro Itala » Milano.

**Rabato sur la Fervojoj de Aŭstrio**

Ĉiuj partoprenantoj al la 27-a Universala Kongreso de Esperanto en Roma ricevos sur la Aŭstriaj Fervojoj 25% de rabato en la tria klaso kaj 33 1/3% en la unua kaj dua klasoj, en ĉiuj vagonaroj, escepte la luksajn.

Oni povas eniri Aŭstrion plej frue la 28 julio, je la 01 horo, kaj devas forlasi Aŭstrion dum la reveno plej malfrue la 21 aŭgusto je la 24 horo.

Je aĉeto de la rabatita bileto en aŭstria limstacio aŭ en vojaĝoficejo eksterlanda, oni montru la kongreskarton, kiu devas esti tie stampata.

1. Aŭstrianoj devas aĉeti 1 ½ biletojn de sia stacio al la limo kaj devas reveturi per la sama vojo.

2. Alilandanoj aĉetu la simplan bileton ĝis la limo (25% da rabato). Ili povas elekti alian reveturvojon, aĉetante en la koncerna enirstacio por Aŭstrio de nove simplan rabatitan bileton ĝis tiu limstacio, kie ili deziras forlasi Aŭstrion. — La alilandanoj, kiuj deziros resti 6 tagojn en Aŭstrio, revenante el Roma, ricevos rabatitan reveturprezon, je 60% ne pro la kongresa karto, sed kontraŭ atesto de la urbestro de la koncerna loko, kie ili restadis.

3. La alilandanoj, kiuj eĉ ne trapasis Aŭstrion dum la irvojaĝo al Roma, povas ricevi same 25% rabaton dum la revenvojaĝo. Tiam oni devas pruvi la ĉeeston al la Roma Kongreso per kongresstampo sur la kongreskarto.

# Sensacia eldono

Okaze de la 27-a Universala Kongreso de Esperanto, « Esperanto-Centro Itala » aperigos valoregan eldonon, teknike prilaboritan kun la daŭra kunlaboro de la fama kaj potenca « Touring Club Italiano ».

Honore al la Kongresanoj de la 27-a aperos baldaŭ, post vasta kaj pasia laborego de eminentaj samideanoj, la Dua Volumo de la itala serio de l' « Verda Gvidlibro » : ĝia titolo estos

ROMO KAJ ĈIRKAŬO

La teksto estos plej-parte de la *Itala Turisma Klubo*, krom la « tradukiloj » kaj la « glosareto », kiuj estos speciale verkitaj.

En tiu ĉi belega libro, kies amplekso estos pli ol duobla de tiu de la antaŭa, trovos lokon ja 4 landkartoj kaj 27 planoj de urboj, monumentoj, antikvaĵoj, muzeoj ! La planoj de urboj kaj la kartoj estos kvarkoloraj, la plej bonaj ekzistantaj ! La libro estos tole bindita.

La vendoprezo estos 27.— italaj liroj. La Kongresanoj, kiuj (menciante sian Kongresnumeron) *mendos kaj pagos antaŭ la 10 julio* la gvidlibron, rajtos de la prezo de *Nur 18.— liroj*, vere favorega !

Ĉiuj Kongresanoj senescepte rajtos aĉeti en Roma mem la Gvidlibron, je rabatita prezo de Liroj 20.—.

Oni propagandu la novan bonegan eldonon !

# LINGVA PRAKTIKO

**Fak-esprimoj pri Armbetono en sur- kaj subtera konstruado (Daŭrigo el N° 417)**

Pri la ceteraj terminoj, jen sciigoj, kiuj grandparte pravigas la sugestojn de S-ro Robert Kreuz :

1° *Vortoj, kies forstreko estas jam konsilita de la Akademiaj reviziintoj :*

*Baskuli*, jam antaŭe proponita de S-roj Pratley en vortaro pri pontkonstruado, kaj Rosher pri fervojoj (renversi).

*Haspelo* (vinĉo).

*Humida* (malseketa).

*Kareo* (unurada man-ĉareto).

*Kesono* (fera laborkamero, kestego).

*Piero* (piliero, prop. de Akad.) « pilastro » indikata de S-ro Kreuz, ne taŭgas, ĉar plej ofte pilastro ne staras izole sed parte reliefiĝas el muro, kiun ĝi plifortigas aŭ ornamas ; ankaŭ ponta aŭ fundamenta subportilo estas nek kolono nek pilastro.

*Strebo* (oblikva apogtrab(et)o.

*Streso* (streĉo).

2° Vortoj, kiujn la tradukintoj mem sendube konsentos forlasi, por laŭ rekomendo de la Akademio, eviti starigon de nova radiko, ĉiufoje kiam la koncerna ideo povas esti esprimata kun sufiĉa precizeco per termino el la komuna vortaro ; *grevako* (skist(oz)a grejso) ; *klinkero* (holanda briko) ; *lomo* (argilhava ŝlimo) ; *solivo* (neĉefa planktrabeto) ; *stanĉa*, jam antaŭe proponita de S-ro Partley (nepenetrebla per aŭ je akvo, hermetika).

*Slajli* (muel(frot)i, smirgi, eble grindi) ŝlajfi (raboti) G : hobeln, A : to plane, F : raboter, I : piallare, H : cepillar.

*Tampi* (rami, rampremi).

3° Vortoj, kiujn mi opinias konservindaj :

*Bermo* = mallarĝa horizontala irejo flanke de taluso. G : berme, A : berm, F : berme, I : berma, H : berma.

*Gablo* = pinta domfrontono. G : Giebel, A : gable, F : pignon, I : frontone, H : aguilon.

*Latiso* = ret aŭ kradsimila kunmetaĵo de lignaj aŭ metalaj stangoj aŭ traboj. G : Gitterwerk, Fachwerk, A : framework, F : treillis, I : reticolato, H : celosia.

*Nŭto* = enĉizaĵo farita en lignaĵo laŭ *rektangula* profilo. G : Nute, A : groove, F : rainure, I : scanalatura, H : ranura.

*Kanelo* prop. de S-ro Kreuz, havas *kurban* profilon.

*Taluso* = transversa deklivo de fosparioj aŭ de teramaso. G : Böschung, A : slope, F : talus, I : scarpa, pendio, H : talud.

« *Eskarpo* » ne taŭgas, ĉar ĝi montras speciale fortikaĵan taluson aŭ muron.

4° Vortoj proponitaj de S-ro Hallensleben :

*Skafoldo* (helpa trabaro, h. ĉarpentaĵo) ŝajnas superflua.

*Konstrukcio*. Ĉu konstru(aĵ)o ne sufiĉas ?

Ĉiu helponto (jam kunlaborinto aŭ ne) bonvolu sendi siajn rimarkojn, kritikojn, sugestojn k.t.p. al la subskribinto, kiu ilin akceptos danke. Post la fino de la revizia laboro, ĉiu el ili ricevos rekompence unu ekzempleron de la korektita manuskripto.

Ch. Tiard,
209, Faubg. St-Denis, Paris, Xe.

## Esperantista Lingva Komitato
## Akademio

Sekretario :
S-ro R. de Lajarte
4, Villa d'Orléans,
Fontenay-sous-Bois (Seine)
(Francujo).

**Oficialaj sciigoj de la Akademio**
(N-ro 9 — Aprilo 1935)

1-e — *Oficialaj Vortradikoj aldonitaj al Universala Vortaro*

ANGORO 1-e : *Malsaneca sento de sufoko kun korprematoco* ; 2-e : *Sento de sufoko, kaŭzata de timego, maltrankvileco* — anguish—angoisse—(Quälende, Herzens-, Todes-) Angst—angustia — angoscia — dusznosc, tesknota.

APERTURO *Malfermajo* — aperture — ouverture — Oeffnung (z.B. Loch, Spalte u. ä.) — apertura — apertura — apertura.

APLOMBO *Tre granda memfido* ; *nekonsternebleco* — self-assurance, imperturbability — aplomb — Selbstbewusstsein, -sicherheit (im Auftreten) — aplomo (serenidad) — disinvoltura — aplomb.

AŬGURI *Diveni per esotera povo* — to augur — augurer — weissagen — augurar, agorar — indovinare il futuro — wrózyc.

AŬREOLO 1-e : *Luma rondo ĉirkaŭ la kapo de sanktulo ĉe pentrajoj* ; 2-e : *Prestiĝo* — aureola — auréole — Heiligenschein ; (fig.) Ruhmesglanz — aureola ; (fig.) gloria, prestigio — aureola — aureola.

BALETO *Teatra senparola danco kun muziko kaj mimiko* — ballet — ballet — Bühnentanz, Schautanz, Tanzstück — bailable (bailable (danza teatral), ballet — balletto — balet.

BANKIERO *Posedanto de banko* — banker — banquier — Bankherr, Bankhausbesitzer — banquero — banchiero — bankier.

HONORARIO *Neperioda pago por servo, plej ofte de persono, kiu praktikas liberalan profesion, ekz. advokato, kuracisto* — honorarium — honoraires — Vergütung, Entgelt (für eine einzelne Leistung in einem geistigen Berufe) — honorarios — onorario (sost.) — honorarjum.

KONCESIO *Oficiala rajtigo* — license — concession — (amtliche) Genehmigung (zum Betrieb eines Gewerbes) — concesión (otorgamiento gubernativo) — concessione — koncesja.

KONDUKTORO *Oficisto, kiu akompanas publikan veturilon, ne kondukante ĝin, sed plenumante difinitajn devojn, koncerne ĝian funkciadon* — conductor (of a public vehicle) — conducteur — Schaffner — revizor — conduttore (di treno, tram, ecc.) — konduéktor.

MONOTONA 1-e : *Unutona* ; 2-e *Enuiga kaŭzo de manko de diverseco* — monotonous — monotone — eintönig — monótono — monotono — monotonny.

STREBI *Energie streĉi la fortojn de la korpo aŭ de la spirito por atingi ian celon* — to strive — s'efforcer — streben — ahincar — tendere, aspirare con tutte le forze a — dazyc.

SUSURI *Eligi sonon malfortan kaj iom sekan, kiel de atlaso, silko, ĉifita papero, k.s.* — to rustle — susurrer — rascheln, rauschen (Seide, Papier) — susurrar — sussurrare — wydawac zgrzyt, chrzescic.

ŜRUMPI *kuntiriĝi kvazaŭ de sekiĝo* — to shrivel, to shrink — se rider — (ein)schrumpfen — avellanarse, contraerse (como por desecación) avvizzirsi, impicciolirsi, increspandosi — kurczyc sie.

VIZIO *Imagata objekto, kiun aperigas aŭ Dia revelacio, aŭ iluzio de la vidosento* — vision — vision — Erscheinung, Wahnbild, « Gesicht » — visión (fantasía imaginación) — visione — wizja, zjawa.

2-e — *Teknikaj vortradikoj enkondukitaj en la Komunan Vortaron*[1]

ARBUSTO (*Botaniko*) *Arbeto, kies trunko estas ligneca ĉe la bazo, kaj herbeca ĉe la supro* — shrub — arbuste — Strauch — mata — arbusto — krzak.

GRAMOFONO (*Akustiko*) *Aparato kiu, per disko, reproduktas sonojn* — gramophone — gramophone — Sprechmaschine — gramófono — gramofono — gramofon.

GREGO (*zoologio*) *kolekto da brutoj, birdoj aŭ (fig.) da homoj* — flock — troupeau — Herde — grey, rebaño, manada, gregge — stado.

INGREDIENCO (*kemio*) *Ĉiu aparta substanco, kiu konsistigas miksajon* — ingredient — ingrédient — Bestandteil (einer Mischung, z.B. von Speisen, Medikamenten) — ingrediente — ingrediente — ingredjencja.

VINKTO (*Industrio*) *Metala peco uzata por ripari porcelanajojn, k.t.p.* — rivet — agrafe — Niet(e) — lana, grapa — giunto (sost.) — spoidto.

VIVISEKCIO (*Anatomio*) *Operacio praktikata sur vivanta besto por studi fiziologiajn fenomenojn* — vivisection — vivisection — Tierversuch, Vivisektion — vivisección — vivisezione — wiwisekcja

*La Direktoro de la Sekcio « Komuna Vortaro »:* W. BAILEY.

*La Prezidanto:* M. ROLLET DE L'ISLE.

**Terminaro kaj Nomaro de Botaniko**

S-ro K. Froding, 556 State St., Madison, Wis., Usono, laboris iam kelkajn jarojn pri starigo de botanikaj terminaro kaj nomaro, kaj deziras korespondadi pri la sekvantaj temoj :

1. Terminoj uzotaj por priskribo de plantoj ; 2. Klasifika sistemo ĝenerale ; 3. Genroj kaj popolaj nomoj ; 4. Nomsistemo por specoj ; 5. Variajoj, ĉu ni okupiĝos pri ili? 6. Malfacilajoj de la dunoma sistemo ; 7. Kreado de novaj terminoj.

Interesataj botanikistoj bonvolu skribi al la supre donita adreso.

[1] Kun angla, franca, germana, hispana, itala kaj pola tradukoj.

# Bibliografia Servo de UEA

Max Jakob : Nova Vivo, 22 recepti vejetarala. Eldonis Ido-Centrale, Soorstr. 75, Berlin-Charlottenburg 9. 8 paĝoj. Formato 10 × ½ 15 cm. (1935-38).

Joŝicugu Okamoto : Nova Vortaro Japana-Esperanto. Eldonis Japana Esperanto-Instituto, Hongoo, Tokio. 824 paĝoj. Formato 7,5 × 15 cm. Prezo sv. frk. 7.50. (1933-39).

## Tra la libraro

(Daŭrigo)

En la tria serio de Biblioteko Nova Kulturo, sub titolo : *La nova Evo*, aperas tri novaj predikoj de la apostolo Petro Danov. Malmulto en la teksto justigas la titolon, krom kelkaj alvokoj al socia altigo de l'virino, kiel pliboniga homara rimedo. En *Rilato de du leĝoj, En tiuj tagoj*, kaj *Denove*, krom citoj bibliaj, kaj komentoj, estas anekdotoj, infanaĵoj, konataj veraĵoj kaj admonoj, ĉio sen ordo kaj kun nekompreneblaj idesaltoj. Eble la majstro, parolante, imponas per persona prestiĝo ; sed la leganto ne tiel influata estos malfacile persvadata per la presitaj predikoj. Cetere la traduko estas korekta kaj klara.

La sociaj studoj estas ofte tre partiaj ; ili blinde pledas por iu sistemo aŭ insulte atakas alian. En : *Socialismo, ĝia ideologio kaj realigo*. Dro S. Chazan lokis sin super la batalo. En malmultaj paĝoj, li bone resumas la tutan problemon ; li agnoskas bona la socialistan idealon, sed opinias, ke nek subita revolucio, nek proletara diktatoreco, sed saĝa evoluo al ĝi kondukos, ĉar : « La penoj de vera demokrataro celas ne la egaligon de ĉiuj, sed la fondon de egalaj ebloj por ĉiu, plenumi sian vivotaskon ». Bona verko, bona traduko, krom tio ke iu « r » antaŭ « evoluciisto », iu « sen » anstataŭ « por », unu troa « nur » tiel renversas la sencon de paragrafoj, ke ili diras la rektan kontraŭaĵon de la aŭtora penso.

Alois Vanous, militinvalido, ĉefilingve vokas al registaroj kaj civitanoj de kristanaj ŝtatoj per : *Elmontriĝo de la konsciencvoĉo*, broŝuro esperantigita. Citante la Biblion, li reliefigas la kontraŭaĵon inter religia instruo kaj milita preparo. Li proponas organizon de ĉiujaraj festoj sur landlimoj por kulturi fratamon kaj fondon de Internacia juĝejo por pace solvi konfliktojn. Proponoj bonintencaj, sed malfeliĉe nun tre utopiaj.

---

Oni unue miras, ke iu ekpensis verki latinlingve esperantan gramatikon. Ĉu ie, fore, iu klerulo per ĝi lernos nian lingvon? Sacerdoto Jacobus Bianchini, aŭtoro de : *Cursus Completus Esperanti* ĉefe intencis permesi komparon inter la helplingvo, ja latinida, kaj ĝia prapatro, iama antaŭulo kiel internacia komprenilo. La lernolibro estas tre kompleta, kun antaŭparolo, 37 lecionoj, klarigoj, ekzercoj, ĉapitro pri poezio, antologio kaj vortaro Esperanta-latina. Precipe interesaj estas la « komparaj notoj », kun serĉado al deveno de l'esperantaj radikoj, afiksoj, rilatvortoj, al iliaj parencformoj ĉe multaj lingvoj, eĉ aziaj kaj afrikaj. La kolekton de tiuj notoj oni devus parte eldoni esperante, kiel tre utilan aldonaĵon al iu « Naŭlingva leksikono ». La aŭtoro ne maltimas enkonduki multajn novajn radikojn, ĝenerale ne konsilindajn, prefikson « ars » por signi viran sekson, prepozicion « cis » por « maltrans ». Iom strangaj estas kelkaj prireligiaj komentoj. La verko, por kies kompletigo la aŭtoro petas helpon de alilingvuloj, estas por sciencistoj riĉa fonto de komparaj studoj.

La nova 6a eldono de : *Petro*, tute similas la 5an : « La noveldono necesiĝis antaŭtempe pro konfisko ŝtata de pluraj miloj da ekzempleroj en la germana presejo ». De antaŭa legolibreto, Petro fariĝis plena bona instruilo ; la tuta aranĝo kun bildoj kaj marĝenaj atentigiloj estas laŭdinda. Kompreneble en la historio pri Petro, bazo por la gramatiko kaj ekzercoj, la celoj de la eldona societo S.A.T. kaj la proletaj postuloj ne restas ignorataj.

Sub kolora kovrilo aperas la kvara reprilaborita eldono de *Esperanto*, lernolibro por ĉeĥoj de J. Šupichova. La libro postsperte rebonigita atingis la perfektecon en la speciala formo, kiu akordiĝas kun la instrumetodo de la aŭtorino.

Trian eldonon atingas la : *Kursi i Esperanto*, por svedoj de F. Lindén. Taŭga por memlernantoj kaj kursoj, ĝi bazas la gramatikajn akiraĵojn sur tekstoj, la unuaj kun sublinia traduko, kaj resumas la lernitaĵojn post kelkaj lecionoj. La tuto estas lerte aranĝita kaj ankaŭ fontas de instruaj spertoj.

(Daŭrigota).




**Surmara Propagando**

Sro. Prof. Agostino Stellaci pastro de la granda oceanŝipo „ Neptunia " de la konata itala ŝipkompanio „ Cosulich ", survoje al Sud-Ameriko

## 11-a Internacia Olimpiado, Berlino 1936

*" Mi vokas la junularon de l'mondo ! "*

de Redaktoro GÄRTNER, tradukita de Paul BENNEMANN, Leipzig

Kiel la mondhelplingvo *Esperanto*, tiel la ideo de l'novtempaj *Olimpiaj ludoj* estas destinita kaj kapabla, servi al ĉiuj popoloj de la mondo.

En 1894, barono Pierre de Coubertin renovigis — en kongreso de la sportpopoloj de l'mondo, kunvokita por tiu celo al la Sorbonne en Paris — la Olimpiajn Ludojn, kiuj dum unu kaj duona jarmiloj estis dormintaj. Por aranĝi la ludojn, oni konservis la klasikan interspacon de kvar jaroj. Sed dum la ludoj en la antikva tempo okazis ĉiam en la sama loko, nome en Olimpio, oni decidis en Parizo, ke ili migru, tiel, ke ĉiuj nacioj de l'mondo povu gastigi ilin unu fojon aŭ kelkajn fojòjn kaj povu esti entuziasmigataj de ili.

Do la unuaj ludoj ja estis aranĝataj 1896 en Athen, por honori la landon, en kiu la ideo naskiĝis ; sed jam la festo de l' dua olimpiado okazis en Parizo 1900. Sekvis 1904 St. Louis (Usono), 1908 Londono kaj 1912 Stokholmo. La ludoj de l'sesa olimpiado, por kiuj Berlino jam estis fininta la preparojn, ne okazis. Poste Eŭropo vidis la sepan, la okan kaj la naŭan olimpiadojn ; 1920 en Antverpeno, 1924 en Parizo kaj 1928 en Amsterdamo ; kaj nur en 1932 ree la amerika kontinento gastigis la konkursantojn pri la olimpia laŭro, nome en Los Angeles.

De post ilia reveko la Olimpiaj Ludoj ampleksas ne nur la sportojn, kiuj estas praktikataj neprofesie. De 1924 al la someraj ludoj estis aldonataj vintraj ludoj, kiuj okazis 1924 en Chamonix, 1928 en St. Moritz kaj 1932 en Lake Placid. De 1908 kun la sportaj konkursoj estis ligita artkonkurso sur kvin kampoj, kiu elmontras la tutmondan influon de l'sporta movado al pentrarto, skulptarto, arkitekturo, literaturo kaj muziko.

Kiel lokon de l' 11-a olimpiado la Internacia Olimpia Komitato destinis la urbon Berlino kaj aprobis Garmisch Partenkirchen (Bavarujo) por aranĝo de la Kvaraj Olimpiaj Vintraj Ludoj. Do oni festos la 1-16 aŭgusto 1936 la 11-an olimpiadon en Berlino ; la 6-16 februaro 1936 antaŭiras la Olimpiaj Vintraj Ludoj en Garmisch-Partenkirchen.

Laŭ la ĝisnunaj sinanoncoj la germana organiza komitato kalkulas je grandioza partopreno de la tuta mondo. La simbolo de la berlinaj ludoj, la sonorilo kun la surskribo : « Mi vokas la junularon de l'mondo ! » sonante prologos la feston antaŭ la elita sportjunularo de 50 nacioj. Ankaŭ ties samlandanoj, eĉ la tuta sportema mondo ĉeestos, por ke la nekompareblaj konkursoj okazu antaŭ la okuloj de la entuziasmigitaj sportamantoj kaj por ke la ludgrupoj, stimulataj per alvokoj de siaj amikoj kaj samlandanoj, atingu maksimumajn sukcesojn.

Germanujo per tuta forto kaj je sia propra honoro penadas fari la feston kiel eble plej sukcesa kaj entuziasmiga. La preparoj estas tiom grandegaj kaj ampleksaj, ke neniu vizitinto iam forgesos siajn travivajojn. Ĉiuj fortoj de l'sporto, de l'artoj kaj de l'ŝtato estas mobilizitaj. La tuta germana popolo kore bonvenigos la vizitantojn de la 11-a olimpiado. Ili rakontos pri germana gastamo, kiam ili estos revenintaj hejmen.

Organizacia Komitato por la XI-a
Olimpiado (Registrita Societo)
Berlino 1936.

## Ekspozicioj, foiroj kaj Esperanto

Ĵus okazis en Rio de Janeiro, ĉefurbo de Brazilo, la Unua Montro de Turismo, organizita de la Ĝenerala Direkcio de Turismo, komunuma departemento, post vojaĝo, kiun ĝia direktoro, D-ro Lourival Fontes, faris al Eŭropo, kie li konstatis la neceson pliintensigi la propagandon de turismo. Ĝi estas instalita en la Palaco de l'Festoj kune kun internacia ekspozicio de Radio kaj en ĝi partoprenis pli ol 40 nacioj el kvar kontinentoj. Tie Esperanto havis specialan standon, kie Brazila Ligo Esperantista organizis belan ekspozicion de esperantaĵoj pri turismo.

La 2 Majo S-ro A. Conto Fernandes, prezidanto de B.L.E., faris en Esperanto, pere de la stacio de « Radio Suda Stelaro », instalita en la Palaco de l'Festoj, paroladon pri « Esperanto, lingvo de turismo ».

Antaŭ la parolado oni disradiis la esperantistan himnon kaj kelkajn muzikaĵojn kun kanto en Esperanto.

Oni sendis dankleterojn al D-ro Lourival Fontes, Palacio das Feitas Av. das Naçoes. Rio de Janeiro. Brazilo.

La *Internacia Foiro de Vieno* faris dum la pasintaj jaroj kelkajn provojn, okupi sin per *Esperanto*. Tamen ne estis egala intereso fare de nia samideanaro.

Novaj klopodoj ebligos eldonon de novaj varbiloj post interrompo.

Ni devos denove energie montri, ke *Esperanto* estas valora helpilo por interproksimigi la homojn rilate komercon kaj trafikon.

Inter ni estas sendube agemaj personoj, kiuj povas skribi en *nacia gazetaro* pri vienaj aferoj.

Faru tion, estimataj samideanoj, kaj sendu al ni artikolojn, kiuj aperis pri la Internacia Viena Foiro.

Ni certe sukcesos per via helpo. Sed skribu *multnombre kaj el plej diversaj regionoj*.

Vian materialon kaj la adresojn oni kolektos, sed skribu *tre klare kaj legeble* !

Post kiam la afero estis komencita, ni trovis atenton kaj nuntempe la sintenado de la direkcio foira estas denove favora al ni.

Ni kontentigos vin per alsendo de okaza prospekto kaj Respondojn sendu al :

*S-ro Werner Rentmeister, Koelblgasse* 10, *Wien III.*

*(Naciaj gazetoj bonvolu represi la supran informon !)*

---

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

### Boks-konkurso

Rigardanto : (al la najbaro) « La boks-bataloj ŝajnas multe instrui vin. Ĉu vi estas sportisto ? »

Najbaro : « Tute ne, sed mi fabrikas artefaritajn dentojn.

### Singardemo

Gastejestro (al la kelnerino) : « Al tiu ĉi sinjoro vi devas alporti trinkaĵojn nur kontraŭ antaŭpago.

Kelnerino : Kial ?

Gastejestro : « Li apartenas al tiuj, kiuj trinkadas por forgesi. »

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondukponoj). La nombra de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

*bfl.:* poŝtmarko sur la bildflanko.
*c.r.:* certe respondos.
*dez.:* deziras.
*f-ino:* fraŭlino.
*gaz.:* gazeto.
*intŝ.:* interŝanĝo.
*k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj.
*kor.:* korespondi.
*L.:* Letero.
*p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo.
*PI:* poŝtkarto illustrita.
*PK:* poŝtkarto.
*PM:* poŝtmarko.
*s-ino:* sinjorino.
*sro:* sinjoro.

*Locarno* (Svislando). Privata Pensiono. Serioza familio akceptas en sia bela vilao (ĉiu komforto, granda ĝardeno) pensionanojn, prefere lernantojn de itala lingvo, kiuj prenas pensionon por pli ol 3 monatoj. Interesitoj skribu al *S-ro Stefano Pedrazzini, Del. UEA, Locarno.*

*Moskvo* 47 (Sovet-Unio). S-ro V. Cibulsky, I Brestskaja str. g 18, loĝ. 4, dez. kor. kaj intŝ. PK, gazetojn kaj ĵurnalojn.

*Rákospalota* (Hungarujo). S-ro E. Fukasz, profesoro, Bocskay u. 58, nur PM., k.ĉ.l. escepte kun Germanujo. 80-200 diversaj PM. kontraŭ sama kvanto. Tuj respondos.

*Colmar* (Haut-Rhin-Francujo). S-ro Emile Zimmermann, 10, rue Abeilles, PI., k.ĉ.l. pri naciaj kaj regionaj kostumoj por lumbildparolado.

*Kopenhago* (Danujo). *Tace Lau,* Kjeldsgaardsvej 33, pri politiko (speciale pri la Kvara Internacio).

*Nusle* 5 (Ĉeĥoslovakio). V. Ĉansky, P.M., serioze, bazo Yvert.

*Remetekertvaros* (Hungarujo). S-ro Béla Nagy, PM., k.ĉ.l., aŭ kvante. C.r.

*Nowy Sacz* (Polujo). S-ro Jozef Migacz, instruisto, dez. kor. PI., L., p.ĉ.t., k.ĉ.l. geinstruistoj. C.r.

Ni petas la tutmondajn Gesamideanojn bonvoli sendi saluton kaj bondezirojn al nova Esperanto-Grupo, laŭ jena adreso Groupe Esperantiste. *Divonne-les-Bains* (Ain) Francujo. Poŝtkesto : 19

Ĉiaspeca geografia-geologia literaturo estas dezirata kontraŭ granda ilustrita sovetia gazeto « USSR en Konstruado » kaj similaj. Adreso : USSR, Voronej, (Obl.) Upravlenie Jugo-Vost. j.d., Biblioteka (Korĉagin).

*Makslahti* (Finlando). S-ro V. Santamo. P.M., k.ĉ.l., c.r.

*Risskov* (Danujo). S-ro A. Hvorslev, instruisto, del. U.E.A. Asylvej. P.M.

*Liverpool* 13 (Britujo). S-ro Sydney Pugmire, 19 jara fraŭlo, dez. kor. france L. P.I., P.K.

*Cluj* (Rumanio). S-ro Blédy Lajos, profesoro, Casa Piaristilor, interŝanĝas PI., kun ekstereuropanoj.

*Hirosima* (Japanujo). S-ro Nomura-Yôkiti, Sinsenbatyo 62 petas desegnaĵojn kaj pentraĵojn de popollernejaj infanoj tutmondaj. Rekompencos Japananojn.

*Olomouc* (Ĉeĥoslovakio). S-ro A. Vanek, lignoskulptisto, Pred lipami 13, dez. kor. k.ĉ.l. samfakuloj pri novaĵoj el sia fako.

*Rio de Janeiro* (Brazilo). S-ro Joaquim Licinio de Almeida, Ministerio Viaçao, intŝ. P.M.

*Rio de Janeiro* (Brazilo). S-ro Henrique E. Couto Fernandes, Alice 59, intŝ. P.M.

*Rio de Janeiro* (Brazilo). S-ro Olivio Melo, Rasário 102-a, P.I., k.ĉ.l.

*Lapinlahti* (Finlando). S-ro Olavi Puurunen, deziras korespondi kun esperantistoj kaj interŝanĝi kun ili ilustritajn gazetojn kaj fotografaĵojn.

*Bystrice-Hostyn* (Ĉeĥoslovakio). Ferdinand Greinecker akceptas ĉiulandajn nepreparitajn papiliojn kontraŭ elektita rekompenco. Ĉiam valida. Respondo garantita.

*Lake Charles* (Louisiana, Usono). S-ro Chas. M. Sanders, Jr. 414 Hodges Street. Kun student-oj. C.r.

*Moskva 47* (Sovet-Unio). V. Cibulskij, I Brestskaja g. 18, loĝ. 4, kor. PI, intŝ. gaz.

*Leninakan* (Armenio-Sovet-Unio) Zolak Apressian, 21 ulica, dom. 3, PI, intŝ. P.M. (laŭ Yvert-Tellier.)

*U.S.S.R., Ĥarkovo,* 53. Kulturnaja ul. N 2, inĝ.-elektr. Girenko N. D. kor. k.ĉ.l., pri diversaj temoj. L., P.I., gazetar-materialoj.

*Sabadell* (Hispanujo). F-ino Amelia Llado, str. S. Fernando 144 dez. kor. per P.I. kaj L. k.ĉ.l.

*Sabadell* (Hispanujo). S-ro Joan Costa, str. Font-nova 30 dez. kor. per PI. kaj L. k.ĉ.l.

*Kameoka, Kioto-hu* (Japanujo). Kiu interesiĝas pri japana vivo, skribu bildkarton (montr. morojn). Rekompenco : bela esperantaĵo. S-ro Jamakaŭa-Hidejoŝi.

*Torva* (Estonio). Sro. A. Illisson, Pikk l. 10 kaj Sro. R. Tuul, Valgat 1, intŝ. PM, PI, PM bfl. k.ĉ.l. C.r.

*Sofia* (Bulg.). Ivan H. Krestanov, ul. 6 Septemvroi 2, kun ekstereŭrop. pri nac. kostumoj, kutimoj, intŝ. esp. libr., gazetojn.

" La studentaro kaj inĝenieroj de Ĥarkova Aviad-Instituto dez. korespondi kĉl k. interŝanĝi eldonaĵojn pri aviado kaj pri aviad-motoroj kun sovetamikaj studentoj, inĝenieroj, teknikistoj (esperante, france, angle, germane). Adresu : *k-do Aleks. Teslenko, Aviad-Instituto, Pomerki, 27, Ĥarkovo, USSR.* "

IMPRIMERIE GRANCHAMP, ANNEMASSE - 563-6-35.